

# LA VERDA LUPEO



4(83) INFORMILO DE ELF-AREK 22a jaro 1990

Offizielles Organ der ArGe ESPERANTO im BdPh e.V.




MAKSIMUM-KARTO EL LA 75A UK

# NIA ADRESARO



Bv. korektu:

-Werner Simon havas novan poŝtkodon: 38120 USA

-Gao Zhen Xing havas poŝtkodon: TJ 266031



# ANONCOJ

IDO-stampo serĉata

Deziras aĉeti la IDO-stampon el la jaro 1923:
S-ino Terttu Österman, Raatihuonenkatu 3B16, SF-24100 Salo, Finnlando.

Interŝanĝo de tutaĵoj

Serĉas poŝte uzitajn tutaĵojn de Brazilo 1933/34, Aŭstrio 1936 kaj interŝanĝe proponas neuzitajn de la sama lando:
J. Mikulski, skr. p. 30, PL-10-001 Olsztyn 1., Pollando.

Korekto de anoncoj el LVL 4/83

Bv. atentu, ke la katalogo de kolektamiko Radnai ankaŭ enhavas la tutaĵojn kaj la poŝtmarkojn de Hungario.

Temas pri la ofert-anonco de s-ro Fischer, Pollando. Ne temas pri la stampo PL 1a, sed PL A-1a. La ĝusta adreso estas:
St. Fischer, ul. Bułgarska 8/8, PL 64-100 Leszno.

Anoncado

Certe vi jam rimarkis la anoncon sur la lasta kovrilpaĝo? Mi sukcesis persvadi poŝtmarkvendist(in)on, oferti E-filatelaĵojn en nia LVL per pagita anonco. Per tio ni povas malaltigi la elspezojn por nia LVL. Se vi havas bonan kontakton kun poŝtmarkvendisto, provu ankaŭ akiri anoncon. Per tio vi helpas al nia ELF-AREK.



# NI PRI NI

La redaktoro dankas...

Mi kore dankas al ĉiuj tiuj klubaj geamikoj, kiuj peris al mi novjarajn bondezirojn: Strönne, Österman, Dörfler, Fekete, Hirsch, Heimlich, Paulsson, Koseniak, Bielak, Dalet, Amouroux, Goslinga, Gimelli, Simon, Fischer, Torregrossa, Hoekstra, Koralo, Radnai, So Gilsu, Gao Shen Xinh, Lee Jung-Ke , Vana.

## Gratulon al Korea Filatela E-Klubo

Tute hazarde, sed kun granda ĝojo, mi malkovris pere de ekspozicia katalogo el Koreio, ke pasintjare fondiĝis tiu ĉi klubo. Prezidanto fariĝis samideano Shin Cha Shik, membras en tiu klubo, inter alie, niaj du klubaj amikoj So Gilsu (estrarano de UEA) kaj Lee Jung-Ke (sekretario de KEA). Ni direktas niajn varmajn gratulojn al niaj karaj koreaj amikoj. Ke niaj koreaj amikoj scipovas ruze kaj saĝe utiligi Esperanto-filatelion por la popularigo de Esperanto en Koreio, pruvas E-filatelaj ekspozicioj okazintaj en la lastaj du jaroj.

# STAMPOBANKO



## Nia stampobanko bone funkcias...

En nia stampo-banko daŭre estas je via dispono amaso da E-filatela materialo kaj eĉ E-aj glumarkoj. Petu liston, sed aldonu unu IRK! Materialojn sendu nur post antaŭa interkonsento. Koran dankon al nia kluba amiko Werner Heimlich, kiu jam dum jardekoj estras nian bankon!

# EKSPOZICOJ KAJ NI



제 3회
에스페란토 우표전시회

LA3 A EKSPOŽICIO DE ESPERANTO FILATELAĴOJ



-에스페란토와
세계평화-
ESPERANTO
KAJ
MONDPACO





●기간 : '90. 11. 27∼12. 4
●장소 : 우 정 박 물 관
서울중앙우체국4층

●주최 : 한국 에스페란토 우취회
●후원 : 한국 에스페란토 협 회
한 국 우 취 연 합

## 3-a E-filatela ekspo en en Seulo (Koreio)

Ni en bona memoro ankoraŭ tenas la 2-an E-filatelan ekspo-n de 1989, kiu okazis en la grandega ĉiovendejo HYUNDAI de Seulo. Nur nun mi ekscíis, en Nederlando, ke temas pri mondfama vartrusto, kiu vendas ankaŭ tre komfortajn aŭtomobilojn. Mi tion nur mencias por atentigi vin pri tio, ke mondsignifa firmao siatempe sufiĉe finance kaj morale subtenis nian E. per ebligo de tiu ekspozicio. 1990 ncv. 27 ĝis dec. 4 sekvis jam la 3-a filatela ekspozicio en Seulo kaj ĝi okazis en ejoj de la Poŝta Muzeo, centre de Seulo. Tiu ekspo estas frukto de kunlaboro inter Korea E-Asocio, Korea Filatelista Asocio, Korea Filatela E-Klubo kaj Poŝta Muzeo! Nia Lee Jung-Ke alsendis la ekspozician katalogon kun tradukoj el la korea. Danke al li ni nun ek-

scias pri tiu modela ekspozicio. Korea E-Asocio presigis lukspaperajn invitilojn kun la bildo de la elkspozicia poŝta E-stampo kaj invita teksto "Pacamantaj E-istoj okazigas la 3an ekspozicion de E-filatelaĵoj. Bonvole veni kaj briligu la ekspozicion." Subskribis la prezidanto de KEA Chang Choong-Sik.

Antaŭ mi kuŝas luksa ekspozicia katalogo de tiu ekspo. Ebligis ĝin verŝajne anoncoj/ofertoj de koreaj filatelaj firmaoj en tiu katalogo. La titola paĝo montras, originalkolore, la kuban maksimumkarton el la 75-a UK. En la dua paĝo ni trovas kronologian tabelon, ŝajne pri la evoluo de la E-filatela laboro en Koreio. La trian paĝon okupas dankovortoj de Chang Choong-Sik al la ekspozantoj kaj organizantoj. Sur la 4a kaj 5a paĝoj ni trovas liston pri ĉiuj 15 (!) ekspozaĵoj en la korea kaj en E. Inter la ekspozaĵoj troviĝas i.a.:

| | | | |
|---|---|---|---|
| N-ro 1 - | Esperanto kaj monda paco | 20 kadroj | So Gilsu |
| N-ro 2 - | Mondpaco | 6 kadroj | Shin Cha Shik |
| N-ro 3 - | Internaciaj eventoj pere de Esperanto | 6 kadroj | Lee Jong ha |
| N-ro 4 - | Paca Lingvo Esperanto | 6 kadroj | Lee Jung-ke |
| N-ro 6 - | E-Poŝtkartoj | 1 kadro | Jin Ki Hong |

Ĉeestis eĉ ekspozaĵoj sub la tute aktuala temo:

"Koran bondeziron okaze de la germana unuiĝo"

de Shin Chao Shik. Buntigas la ekspozicion ekspozaĵoj pri: Ruĝa Kruco, faŭno, flaŭro, arkitekturo kaj pentraĵoj.

La sesan paĝon, en la katalogo, okupas informoj pri ELF-AREK kaj nia LVL, la okan paĝon informoj pri la 76a UK en Bergeno. Paĝo 9 montras foton el pasinta E-filatela ekspo. Mi ne scias, pri kies ekspozaĵo temas, sed la foto pruvas al ni la ekspomaturan kaj internacinivelan aranĝon de tiu ekspozaĵo. Gratulon! Klopodu partopreni kun ĝi en Tutmonda Poŝtmark-Ekspozicio! La necesan kvaliton ĝi havas!

Meze de januaro 1991 atingis min de nia So Gilsu novjara saluto per nova korea tutaĵo pri tiu ekspo. Koran dankon al vi. Pri ĝi vi trovos informojn sub la rubriko: "Tutaĵoj" kaj "Stampoj".



La bildo de la paĝo 9

**Okaze de la tria ekspozicio de Esperanto Filatelaĵoj**

Tiu ĉi jaro estas signifoplena, ĉar S-ro Samaranci, komitatestro de IOC ricevis honoran premion, "Seoul-Pacpremio" kaj Sovetia prezidento MIHAIL Gorvachov ricevis premion "Novel-Pacpremio".

Ni, Esperanto-filatelistoj pacamantaj okazigas la ekspozicion memore altiu ĉi signifoplena jaro.

Mi kore dankas al ĉiuj kontribuintoj de filatelaĵoj, kiuj volonte helpis por la ekspozicio.

1990. 11. 26
Korea Filatela Esperanto-Klubo

Prez. Shin Cha shik

## Ekspo "Tago de la pm" en Budapest (H)

En oktobro 1990 okazis en Budapest filatela ekspozicio okaze de la "Tago de pm". Nia kluba amiko Stefan Fekete partoprenis en ĝi per sia ekspozaĵo "Esperanto-movado en Hungario" kun 60 folioj. Ni ĝojas, ke nia Fekete tiom aktivas en la hungara medio, kaj tiel kontribuis sian eblon por popularigo de Esperanto en Hungario. Estus dezirinde, ke el inter la multaj Esperantaĵ-kolektantoj en tiu lando ankaŭ aliaj aktiviĝu sur la ekspozicia kampo. Tio ne nur koncernas la kolektantojn en Hungario. Ni kore gratulas al Fekete pro akiro de arĝentumita medalo!

## Tematika ekspozicio 90 en Hungario

Decembre 1990 sekvis en Budapeŝto "Tutlanda Tematika pm-ekspo". Ankaŭ en ĝi nia kluba amiko Fekete prezentis ekspozaĵon, nome "Esperanto-tutaĵoj", kun 60 folioj. Koran gratulon al vi! Daŭrigu tiel, ĝis kiam eblas. Fekete ankaŭ tie akiris arĝentumitan medalon.Tio cetere estas bona rezulto en tia rango. Sed vere grave estas, ke li denove en tiu kadro atentigis pri Esperanto.

# STAMPOJ

## TJ 90 - 41




En novembro 1990 atingis min, sendita de nia Ĉin Kajĝi, memoriga poŝtkarto (sennominala), eldonita okaze de la "La 21-A MONDA POŜT-TAGO". Tiun pk eldonis la Jiangmena-Poŝta-Telekomunika Oficejo (JYP 5). Troviĝas sur ĝi alpresita poŝta E-stampo kaj la slogano en E: POŜTO ĈIAM KAJ ĈIE:. Desegninto de la pk kaj stampo estas Xie Xing. Dankon al Ĉin Kajĝi pro la informo!

## TJ 90 - 42

En la sama tempo, post tro longa paŭzo, min atingis vivsigno de nia Song Shengtan. Li sendis en poŝtejo aĉetitan koverton kun alpresita E-teksto kaj E-stampo: "LA 21-A MUNDA POŜT TAGO".La stampo posedas la daton : 1990.10.9. (kiel TJ 90-41). Urbo: Nanjing. Dorsflanke de la koverto troviĝas teksto en la ĉina kaj la n-ro JSF 12-1. Koran dankon pro la sciigo al nia kluba amiko Song! (bildo vd. paĝo 6)




## Kapra/Ŝafa Jaro el Qingdao

Nova kluba amiko Gao Zhen Xing el Qingdao, sendis modelajn informojn pri nova E-stampo en Qingdao, uzita okaze de la "Kapra Jaro" en Ĉinio. La 5-an de januaro 1991 aperis en Ĉinio 20-fena poŝtmarko "Kapra Jaro" (T 159). La poŝtmarka kompanio en Qingdao samtage aperigis ne-Esperantan UTK kun eldonkvanto de 1500 ekzempleroj kaj stampon kun la E-teksto: "LA KAPRA JARO":




La stampo estas desegnita de la ne-Esperantisto Han Mingsen. La tri supraj ideogramoj[1] estas faritaj laŭ la Zhuan-skribmaniero, kiu furoris antaŭ la antikva Han-dinastio. Mi komprenis, ke por la vortoj kapro kaj ŝafo ekzistas nur unu ideogramo. La Esperantan tekston en la stampo proponis lokaj E-istoj al la pm-kompanio. Gratulon al niaj gesamideanoj en Qingdao! Koran dankon pro la informoj kaj la UTK al nia Gao Zhen Xing.

ATENTIGO: Sur paĝo 7 estas tajperaro. Ne temas pri H 188, sed pri H 118. Bv. korektu tion, dankon!



| Popolfilatela Societo Changsha |

Tute neklare, ĉu poŝta aŭ nepoŝta stampo. S-ano Wu Chang Shen el Changsha, provinco Hunan, sendis koverton kun E-a surpresaĵo pri:"LA MEMORIGO DE FONDIĜO DE CHANGSHA-A POPOLFILATELA INTERFLUO-SOCIETO INTER BORDOJ DE MARKOLO", kiu okazis 1991.1.5. Sur ĝi ankaŭ estis E-lingva stampo datita 1991.1.5. La koverton kaj stampon desegnis la sendinto. Bedaŭrinde mankis akompana skribaĵo kun klarigoj. El la dorsflanke surpresita E-lingva teksto kompreniĝas, ke tiu societo intencas ligi kontaktojn kun filatelistoj el Taiwano kaj Hongkongo. Taiwano kaj Hongkongo situas ambaŭflanke de Markolo. Plej verŝajne la tuto estas nepoŝta. La stampo en du mezuroj. En la malpligranda stampo mankas apud la suba koro la ideogramoj.





| H 188 (?) Vintra Esperantista Ferio 1990 |









Estas mirinde, ke sub draste malboniĝinta situacio en Hungario tiu VEF okazis. Mi almenaŭ tion supozas, ĉar atingis min el la 20-a VEF salutoj de niaj Fekete kaj familio Radnai. Ni denove renkontas en la stampo tiun simpatian neĝviron kun surkapa pispoto. Ĉi-foje kun ĉampanglaso en la mano kaj tostante al granda

E-stelo. Mi gratulas al la nekonata grafikisto! Ekzistas suvenira karto pri la VEF kun preskaŭ identa desegnaĵo de la stampo. Mi supozas, ke eldonita de Radnai, sed mi povas erari. Koran dankon al Radnai kaj Fekete!

## ROK 3: 3a Fila-Ekspo en Seulo

Tiu ĉi poŝta E-stampo posedas nur koreajn ideogramojn. La teksto en la supra parto: "LA 3A EKSPOZICIO DE ESPERANTO-FILATELAĴOJ" kaj en suba: SEULO CENTRA POŜTOFICEJO. Meze la dato: 1990.11.27. Pri aliaj datoj nek Gilsu, nek Jung-Ke informis. La bildo en la stampo montras birdon, kiu portas E-stelon. La stampilo funkciis en la poŝta muzeo, kiu estas parto de la centra poŝtejo. La stampon ni ankaŭ renkontas presita en la invitilo kaj ekspo-katalogo. Kaj ĉi-kaze estas por ni tute klare, ke temas pri ne-poŝta origino. La nepoŝtan oni facile povas ekkoni per la libera spaco inter 11. kaj 27.. La stampita poŝto aspektas tia: 1990. 11.27, la nepoŝta: 1990. 11. 27. Gratulon al Koreio!




poŝta




nepoŝta

## ILUSTRITAJ PK.






### Lernu int. lingvon OMO

Jen mi povas prezenti al vi tre interesan filatelaĵon, nome bildkarton, kiu propagandas "internacian lingvon OMO". Iam en la dudekaj jaroj tiu bildkarto estis sendita el SU al E-isto en Germanio. Eble nia kluba amiko Leo Vulfoviĉ povas doni iujn klarigojn pri tiu "OMO"? Bv. skribi al mi! Cetere ne temas pri "Tutaĵo", ĉar mankas en ĝi la alpresita pm. De tiuj bildkartoj kun la surpreso "POŜTA KARTO" ekzistas sendube miloj da diversaj, aperintaj dum la dudekaj jaroj en Sovetunio.

Noto: "OMO " ankaŭ ne troveblas en la "Bibliografio de internacia lingvo", eldonita 1929 de P.E. Stojan. En tiu leksikono estas listigitaj ĉiuj, ĝis tiam konataj internaciaj (help-) lingvoj. Entute estas listigitaj 652 projektoj kaj listo de ĉ. 50 projektoj, de kiuj nur estas konataj la aperdato.

# INFORMOJ ...

## Necesaj vortoj pri la valoro de stampoj

Nia kolektamiko Simon, ankaŭ kelkaj aliaj klubaj geamikoj, plendis pri la filatela nesperteco de iuj novaj kolektantoj. Tiuj sin sentas trompitaj, se ili interŝanĝe ricevas koverton aŭ pk kun tre malaltnominala pm el ekz. la 50-aj jaroj.

Unue necesas diri, ke la afranko siatempe estis ege malalta kompare al la hodiaŭa. En Francujo ekz. oni pagis 1948 afrankon de 0,05 francaj frankoj por letero al Germanujo. 1990 necesis afranko de 3,60. Iuj nun opinias, ke la valoro de tiu filatelaĵo el la jaro 1948 estas nula kompare al tiu de 1990. Absoluta stultaĵo!! Ĝenerale valida estas, ke ĝuste afrankita filatelaĵo el tiuj jaroj, eĉ despli antaŭ 1945, estas multoble pli valora ol iu stampita koverto el la nuna tempo.
Koverto kun la ondolinia E-stampo de Fecamp el la jaro 1948, kiu posedas "nuran afrankon de 5 cendoj (hodiaŭ necesas 360 cendoj!!) nepre validas la minimuman 50-oblon de stampita koverto el la nuna tempo. Sed apenaŭ vi trovas iun filateliston, kiu pretus ĝin interŝanĝi kontraŭ 50 iuj novaj stampoj. Kaj nur unu ekzemplo pri malnova stampo de Leningrad. Aktuale nun unu peco troviĝas en aŭkcia oferto kontraŭ 200 US$ kaj povas okazi, ke ĝi fine akiros vendoprezon de 300 US$...kaj tio, kvankam la surgluita pm estas nur 7-kopeka. Kaj tio ne estas ĉio: se troviĝas iuj poŝtaj ekstraĵoj sur la kov aŭ pk, ekz.: "rekomendite" sendita, povas okazi, ke la prezo tuj duobliĝus al 600 US$. Tion devus scii filatelistoj, ja tio eĉ apartenas al la deviga sciobazo por filatelistoj. Kaj tial mi ĉi-loke skribas pri tio. Ja ekzistas komencantoj, kiuj antaŭe neniam aŭdis pri tio. Mi ne scias, ĉu mi sukcesis klarigi tiun aferon. Se mi ne sukcesis, aŭ vi havas alian opinion, skribu al mi! Cetere la prezojn por niaj E-stampoj ne faras ni Esperantistoj...faras ilin la filatela merkato, la ĝenerala filatela movado. Ni devas nin submeti al tiuj reguloj kaj postuloj, vole - nevole! Pripensu, ke ekzistas milionoj de filatelistoj, sed E-filatelistoj eble nur cent!

Rimarko de Hirsch:

Nia redaktoro pravas, sed oni ankaŭ devas konsideri aliajn kriteriojn. La pm-vendistoj kaj aŭkciistoj preskaŭ neniam konsideras ĉe iliaj prezofertoj la valoron, resp. rarecon de la E-filatelaĵoj, ĉefe ĉe E-stampoj. Escepte ĉe la poŝtmarkoj. Laŭ mi oni devas konsideri ankaŭ aliajn kriteriojn, kiel ekz.:

aerpoŝto el la 20-aj kaj 30-aj jaroj, cepelina poŝto ktp.. Grava kriterio estas, ĉu la stampo estas sur kov aŭ pk vere sendita, aŭ nur temas pri kompleza stampo.

Kiel ekzemplo: La foiraj stampoj de Brazilo, el la jaroj 1934/35, plej ofte nur troveblas sur cepelina poŝto. Por la stampoj D 1-1 kaj D1-2 momente la prezoj estas tro altaj sur la merkato, tamen ĉi-tie oni devus konsideri, ke temas pri kov kaj pk afrankitaj dum la komenco de la inflacia tempo. Tial, bone observu la merkaton!!



# TUTAĴOJ

우편엽서

보내는 사람

prof. d-ro So gilsu 서길수
korea respubliko, seulo,
rok-158 600, yangchon p.o.kesto 11
158-052 한국 서울 양천구 목2동 548-301
(02)646-5413(hejma), (02)919-0411(univ.)

받는 사람

제3회 에스페란토 우표전시회
3-a e-filatela ekspozicio
unua poŝtisto

1990 novembro 27-decembro 4
poŝta muzeo, seulo

Rudolf Burmeister
W. Firl Str. 30.
DDR-9047 Karl-Marx-Stadt
Germanio / 동독

Nova pk-tutaĵo el Koreio




Estis nia So Gilsu, kiu sendis al mi tiun ĉi pk-tutaĵon kun privata surpreso en Esperanto pri la 3-a filatela E-ekspozicio en Seulo. La surpresaĵo prezentas ankaŭ la "unuan poŝtiston" en Koreio. Entute ĝi estas interesa historia dokumento lige kun la adreso. La pk estis sendita el ankoraŭ partigita al ĵus unuigita lando. Kaj en la adreso ankoraŭ estas notitaj ne plu validaj nomoj: "DDR" kaj "Karl-Marx-Stadt". Eble vi opinias tion superfluaj rimarkoj, sed vere vera filatelisto devas atenti eĉ pri tiaj notoj sur korespondaĵoj! Dankon, amiko So Gilsu, pro la bonaj deziroj!

Absender:

Postkarte

An

in

Glauben Sie nicht, daß die Weltverkehrssprache auch für Sie von Nutzen sein kann? — Auskünfte über diese für jeden wichtige Frage erteilt (gegen Antwortmarke) die Esperanto-Geschäftsstelle, Graz, Schönaugasse 6.

Nova aŭstra privata tutaĵo

La reaktivigo de la "Laborgrupo Esperanto (LG)" en la Asocio de la Germanaj Filatelistoj (AGF) montras la unuajn sukcesojn. Mi jam ricevis multajn ofertojn pri Esperantaĵoj, ĉefe pri ilustritaj poŝtkartoj el la tempo 1907 ĝis 1939. Nun mi ricevis fotokopion de privata tutaĵo el Aŭstrio el la jaro 1919. Sendis ĝin la estro de la LG Aŭstrio en la AGF. Dankon al li. La surpreso estis private farita de la E-oficejo de Graz (Grac). Temas pri la aŭstra tutaĵo No. 239 (paĝo 35) en la Tutaĵkatalogo de Aŭstrio de Inĝ. Franz Schneiderbauer.

R. Hirsch




Ekzistas ankaŭ bildkartoj kun enskribo en IDO. La ĉi-tie montrita karto estis eldonita okaze de:

12. ÍDO-KONGRESO INTERNACIONA
12.—14. AGOSTE 1935 EN FREDERICIA, DANIA

Karaj kolekt-geamikoj!

Abundas sur la merkato la belaj ilustritaj pk el la unuaj 20 jaroj de la nuna jarcento. Ekde nun, se ni havas lokon, ni publikigos de tempo al tempo unu aŭ alian.

Hodiaŭ ni prezentas al vi du poŝtkartojn: la unua montras virinon (belulinon?), sidante kun terglobo kaj E-emblemo apud la bordo de la rivero Elbe. En la fono la nigra silueto de la kongres-urbo de la 4-a UK (1908): Dresden.

La alia montras la kongresejon de la 10-a UK (1914) en Parizo. Pro eksplodo de la Ia mondmilito la UK ne okazis.







Kongres-Palaco, Akceptejo por la Deka Universala Kongreso de Esperanto (Paris 2-10 Aŭgusto 1914).

# FAMAJ ESPERANTISTOJ



## Ludoviko Rodo -- artisto grafikisto

Fonto: Artikolo de Amouroux en "Philatelie Francaise", aprilo 90




Bildo 1

1987 kaj 1989 en Ĉinio aperis pluraj stampoj kaj UTK kun portreto de Zamenhof (bildo 1). Tio instigis nian Amouroux serĉi la originon de tiu portreto. Kun helpo de sia bona amiko Ludovikito en Japanio li eltrovis, ke la portreto estis farita en la jaro 1930 de la franca Esperantisto Ludovic Rodo. Li estis filo de unu el la plej famaj majstroj de la impresionista pentroskolo: Camille Pissaro. Li naskiĝis en 1878 sub la nomo Rodolphe Pissaro kaj eklernis Esperanton verŝajne en 1906. Plej unua spuro pri tio estas bondezira poŝtkarto (bildo 2) kun poŝta stampo de 1.1. 1907 kun la aŭtografo de L.R.. Trovis ĝin nia Amouroux en sia arkivo fabela. En 1907 li fariĝis membro de la ĵus fondita "Esperantista Vagabonda Klubo" (EVK) *1 ). Li estis kongresano i.a. en la 3-a UK en Kembriĝo kaj en la 5-a UK en Barcelona. Tie li partoprenis en la EVK-ekspozicioj. Artistaj produktaĵoj de li abundas en la esperantista gazetaro ĝis 1914. Post 1918 L.R. dediĉas sian arton al gravurado kaj ni trovas multajn glumarkojn de li. Ekzemple la kvar gravuritajn glumarkojn el la jaro 1924 por la "Libera komunumo de Montmartre", kiuj en 1933 ricevis la surpreson: "Kongreso de Esperanto Pariza Federacio 21 majo 1933". En 1932 la 24-a UK okazis en Parizo. L.R. gravuris por ĝi glumarkon reprezentantan flugilhavan diinon kun ĉirkaŭantaj steloj. En la fono ni vidis Montmartran "Preĝejon de la Sankta Koro" kaj la "Muelejon de la Platkuko". Perfekte gravuritan glm-on pri la Kolonja katedralo




Bildo 2




Bildo 4




Bildo 3




Bildo 5




Bildo 6

li faris okaze de la 25-a UK en Kolonjo. El la multaj de li desegnitaj glumarkoj ni volus prezenti al vi ankoraŭ tiun pri la postkongresa ekskurso "Esperantista krozado al Afriko" 1935 post la 27-a UK en Romo (vd. bildoj 3,4,5 kaj 6). Dum tiuj jaroj lin inspiris la primovada satiro kaj ni trovas plurajn desegnojn en "La Pirato". L.R. fariĝis aktiva kunlaboranto en la japanaj "Esperanto Lernanto" kaj "La revuo Orienta". 1933 li faris lignogravuraĵon pri Zamenhof. Tiu ĉi aperis sur la titola paĝo de "Esperanto Lernanto" de aprilo 1933. Tiun portreton elektis la japana komitato por la centjara naskiĝdato de Zamenhof por eldoni poŝtkarton (bildo 8). Kaj ĝuste tiun ĉi portreton elektis ankaŭ la esperantista veterano, la grafikisto Cansio por komponi Esperantajn filatelaĵojn en 1987 kaj 1989 (bildo 1).



*)
Bildo 7

...Mi kore dankas al Amouroux, kiu jam dum multaj jaroj pere de la luksa filatela revuo"Philatelie Francaise" modele prezentas nian Esperanton al la francaj filatelistoj, sed bedaŭrinde tiuj valoraj artikoloj neniam atingis nin, ĝis nun, en Esperanto.
Domaĝe!! Per tio perdiĝas multaj valoraj informoj por la E-filatelio.



Bildo 8

*1)




EVK= Esperantista Vagabonda Klubo estis asocio de E-istaj pentristoj, literaturistoj kaj aliaj artistoj, fondita en Skotlando 1906 de f-ino C. Oxenford. Post la militeksplodo, 1914, ĝi malaperis. La ĉefvagabondo en 1914 estis: J.M. Warden.

*) bildo 7 la patro Camillo Pissaro

## Auguste Forel (1848-1931)

Samideano Giloteaux bonvolis sendi al mi informilon kun interesaj faktoj pri Forel. Auguste Forel estis fidela membro de UEA dum multaj jaroj kaj subtenis nian Movadon . Li vidis en ĝi valoran ilon por forigi malsaĝajn barilojn inter la homoj kaj popoloj. En la scienca mondo lia nomo estas tre konata pro liaj laboroj pri la homa cerbo. Tiun li volonte komparis kun tiu de la formikoj. En Svislando aperis 20-cenda pm pri li en la jaro 1971 (Michel 956, Yvert 887) kun eldonkvanto de 20 milionoj. Sed ekzistas ankaŭ svisa monbileto, nuntempe kun la nominalo de 1000 svisaj frankoj (sfr). De ĝi ekzistas pli ol 9 milionoj! (1000 sfr = ĉirkaŭ 660 US$). Kompare al tiuj eldonkvantoj, laŭ la filatela rareco, draste

elstaras la poŝta stampo de GDR kun portreto de Forel. Uzita ĝi estis okaze de internacia sciencteknika seminario, kiun okazigis GDREA en la feria loko Bad Saarow/GDR en 1982, decembro. Mi supozas, ke de tiu stampo ekzistas maksimume mil ekzempleroj, kio ne signifas, ke por ni ĝi estus neakirebla. En nia "Stampobanko" certe ĝi estas trovebla.








Auguste Forel.

# GLUMARKOJ










## 46-a kongreso de SAT-Amikaro




Nur post la redaktofino de LVL 83 alvenis, sendita de nia kluba amiko Andre Sadier, sciigoj pri tu ĉi du kongresaj glumarkoj. Ili haveblas en la Libroservo ĉe SAT-Amikaro (Adreso...?) 16 glumarkoj, inkl. de sendokostoj, kostas 3 IRK, aŭ 6 ff sen sendokostoj.

## 42-a IFEF-Kongreso en Hamar (N)




Nia Germano Gimelli oktobre sciigis pri tiuj gm. La memgluaj glumarkoj troviĝas sesope en folieto. Ili estis ankaŭ uzitaj por la kongresaj insignoj kaj kongres-legitimiloj. Dankon pro la sciigo.

## 50a Jubilea Hispana Kongreso




Aperis dua glumarko (bruna) de tiu kongreso, kiu okazis de 11 ĝis 16 07 1990. Al la peto pri detaloj en LVL 83 venis neniu reago. Sen la kunlaboro de niaj klubaj geamikoj en la diversaj landoj, ni ne povas aperigi detalojn.

## Katastrofa Poŝto

Ankaŭ tiuspeco ekzistas! Tiun leteron mi ricevis de la poŝtoficejo Hannover kun akompana letero. Ili skribis, ke la damaĝita letero estis en leterkesto, en kiu estis ĵetita piroteknika raketo de junuloj. La poŝta administrado atentigis, ke ili ĉe kutimaj, normalaj poŝtaĵoj laŭ la poŝtaj leĝoj ne estas kompensdevigaj.

R. Hirsch

H.

Salzburger Str. 21 A 30

Al la Ĉefdelegito (
sinjorino Elis.Hirs
6430 = Bad Hersfeld

Koncerna ; UEA-ja

Tre estimata

Preskaŭ dudek
Kiel kutime -
la konfirmo de la "Sparda-Bank Hannover e G" montras =
"26an nov.1985 por UEA-jarkotizo 1986 = 65,oo gm per la
konto Nr. 536oo1-6o2 = PSch A-Ffm(Bankleitz. 500 100 60)",
al via adreso.
Balde estos tempo pagi la kotiz tio mi volas fari
tuj, se mi ricevos vian res
Aldonas 1 poŝtkarto. salutas




la Ĉefdelegito (GEA=aliĝinta al UEA)

sinjorino Elâsabeth H i r s c h

Lambertstraße 12

6430 = Bad Hersfeld






-S-ro Redaktoro kio okazis al vi?
-Mi ellasis la vorton "FENIKSO" el la titolo de LVL----!!

## NOVAJ KATALOGOJ



Pretiĝas la kataloga parto: TUTAJOJ por nia nova katalogo en nebindita formo. Ĝi kostas DM 30,-- (22 IRK) plus afranko. Mendojn sendu al la subskribinto.

Krome pretiĝas la suplemento 1991, sed ĉi-jare mi ne forsendos ĝin aŭtomate al ĉiuj katalogposedantoj. Pasintjare mi ricevis plendojn, ke mi sendis nemenditajn aĵojn. Do, se vi volas ricevi la suplementon 1991, tiam mendu ĝin ĉe mi. Ĝi kostas DM 7,-- (5 IRK) plus afranko.
Mian adreson vi trovas sur la lasta kovrilpaĝo.

R. Hirsch

Al ĉiuj membroj...



# Ĝojan Kristnaskon kaj bonan starton al 1991










KATALOGO

DE HUNGARLANDAJ ESPERANTAJ

POŜTSTAMPOJ

(En originalaj grandecoj)

KOMPILIS: VILMOS RADNAI

Dua ampleksigita eldono

BUDAPEST

1990.





Prezo inkl. afranko:

8 respondkuponoj, au 3 usd,

au egalvaloro

Mendu ĉe: RADNAI, Vilmos
Bajczy-Zs. ut. 104,

H-2330 Dunaharaszti, Hungario

Galerio de konataj Esperantistoj
No. 6. Max Butin-Godesberg.




Max Butin-Godesberg
D. P. de I. E.-L., V. D. E.-Konsulo.
Ĉefkunlaboranto de „La Esperantisto".


Informilo de ELF-AREK
Esperanto Ligo Filatelista
Amika Rondo de Esperantaĵ-Kolektantoj

| | |
|---|---|
| Redakcio ĉe: | Rudolf Burmeister, W.-Firl-Str. 30, O-9047 Chemnitz, |
| Prezidanto-Kasisto: | Ivar Paulsson, Skytteholmsvägen 29, S-171 44 Solna |
| Poŝtĝiro-Konto: | 51 57 85-4, I. Paulsson, Solna (S) |
| Kotizoj: por 1990: | 60 SEK (10 US$ aŭ 20 IRK) |
| Stampobanko: | Werner Heimlich, Fröbelstr. 4, W-3040 Soltau |
| Kompostis + Ekspedis: | Richard Hirsch, Lambertstr.12, W-6430 Bad Hersfeld |